# KATOLIKA MONDO

ESPERANTO-ORGANO DE INTERNACIO KATOLIKA

8a Kolekto N° 4 — ALDONO : LA JUNA BATALANTO — APRILO 1927

Redaktejo kaj Administrejo : ELBERFELD (Germ.)

KUNREDAKTOROJ : *Prof. CAROLFI, OFM, Italujo ; Kaspar MAYR, Anglujo ; Prelato A. DOMBROVSKI, Litovujo; Pastro MAKARA, Polujo; Prof. P. MUFFANG, Francujo ; W. SOLZBACHER, Germanujo ; Pastro Johano KOZMA Hungarujo.*

Oni sendu manuskriptojn kaj pagojn nur al Elberfeld.




Aperas Monate - Fondita 1921

ABONO : *egalvaloro de 1,25 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la Ĉefadministracio aŭ ĉe la Postoficejo*

REKLAMO : *Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,00 sv. fr.* - ANONCETOJ *po enpreso, (gis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).*

POŜTĈEKAJ KONTOJ : *Beograd 68009. Bruxelles 185734. - Budapest 59169. - 's Gravenhage 125537 Köln 76105. - Paris 80061. - Praha 77396.- Roma 1/2600 Warszawa 190972 - Wien 162473.*


# LA REVOLUCIO EN ĤINUJO

**Originala letero al K. M.**

## La Situacio de la katolika franciskana Misio de Sianfu

Jam depost kelkaj monatoj la komplikaĵoj en Ĥinujo altiras la ĉiulandan atenton. Tial verŝajne la sube publikigita letero de ĥina misiisto trovos la specialan intereson de nia legantaro. La okazaĵoj en Ĥinujo estas rigardataj en ĉi tiu artikolo de la vidpunkto de modesta misiisto, sed certe ili donas vivoplenan bildon de la situacio, kiu estas precipe dangera por la tieaj misioj. Red.

*Sianfu* estas la ĉefurbo de la provinco *Shensi* en Ĥinujo : la tria urbo de la respubliko, tre fama en la historio ĥina, havante 24 kil. da ĉirkaŭo, altan muregon kaj bastionojn nevenkeblajn.

Nun estas tre longa historio pri skribi la teruran situacion kiun la pasintan jaron suferis tiu ĉi misio, tre glora jam dum tri jarcentoj de sia origino. En tiu ĉi provinco, kvankam la idolanoj ĉiam malhelpis la propagandon de la kredo, neniam tamen la religio estis estingiĝinta; kaj havis la gloron de 22 episkopoj franciskanaj, kiuj de la jaro 1696 ĝis nun intersekve regis la kristanaron de tiu ĉi apostola vikraiejo.

Antaŭ longe tiu ĉi misio ampleksis la kristanaron de kvar grandegaj provincoj de *Shensi, Shansi, Kansu* kaj *Hukoang*, preskaŭ 30.000 kristanoj disigitaj kiel ŝafoj sur la kamparo, sur la teritorio same granda kiel meza Eŭropo, kiuj vidis la pastron unufoje en ĉiu tria jaro, ĉar la pastro ne povis viziti siajn ŝafojn pli frue. Nun el la antikva misio eliris dek vikariejoj kun siaj episkopoj, kaj la kristanaro nombras preskaŭ 260.000 ŝafidoj.

La provinco de Shensi nun havas du vikariejojn, kiuj la pasintan jaron havis la plej grandan danĝeron de detruo, pro la enlanda batalo, kiu dum dekkvin jaroj dezertigas tiun ĉi tre mizeran popolon.

La nuna vikariejo de Sianfu estis preskaŭ pereonta, ĉar la danĝero de detruo neniam estis tiel ebla kiel en la pasinta jaro. La generalo Liu-tcen-hoa, iam guberniestro de la provinco, sed antaŭ du jaroj forpelita, dezirinte reakiri la regadon, kaŝite kolektis armeon grandan da preskaŭ 60.000 militistoj de sia provinco de Honan, kaj neatendite elfalis sur la ĉefurbon, esperinte trefacile ĝin akiri. Sed la urbanoj lin troemalamis, kaj kvankam la urbo ne estis preparata toleri longan sieĝon, ili decidis plivole morti ol malfermi la pordojn. Tiel komenciĝis la terura sieĝo la 15 an de aprilo kaj daŭris ĝis la 28a de novembro. Mallonge la malsato kaj la pesto renovigis en la tre nombra popolo a buĉadon de la sieĝo de Jeruzalemo; oni manĝis homan karnon, dum la malsategaj militistoj komencis detrui la domojn, bruli kaj turmenti la urbanojn, por havi perforte monon kaj manĝaĵon, tiel ke neniu armeo de venkanta malamiko estus faronta simile en la furiozo de la venĝo.



La Katedralo de Kœln

Tamen, en la ĝenerala mizerego kaj buĉado, Dio mirinde savis la malmultan kristanaron de la urbo, tiel ke neniu mortis pro malsato aŭ, [illegible] de la rabistoj. Laste, kiam la generalo Liu-tcen-hoa estis malvenkita pro la alveno de savanta armeo, la urbo malfermis siajn pordojn: sed tio estis favoro de Dio, ĉar se la sieĝo daŭris ankoraŭ kelkajn tagojn, ankaŭ 200 kristanoj kun siaj kvin pastroj kaj sep monaĥinoj estus pereintaj pro malsato.

Dum kiam tio okazis en la ĉefurbo, la vilaĝo de Tung-yan-fang estis en pli terura danĝero. Tiu ĉi vilaĝo estas malproksima de la urbo 40 km-ojn. Tie estas ĉiuj laborejoj de la misio franciskana, tio estas ankaŭ la kurio de l'episkopo, la seminario havanta 80 lernantojn, la orfejo de 300 knabinoj kaj virginoj kun 14 monaĥinoj misiistinoj, de Mario ; la hospitalo, la kristanaro de 500 personoj, kaj preskaŭ 4000 forkurintaj idolanoj, kiuj tien rifuĝis en la espero de savo kontraŭ la furiozo de l'armeo ekokupanta.



Interne de la Fajra Templo de la Parsioj en Bombay ; persekutite en Persujo, la Parsoj havas en Bombay tre riĉan kolonion

Do, la 4 an de Aŭgusto pasinta, jam unu armeo da 20.000 soldatoj transiris proksime al la vilaĝo kaj komencis dezertigi ĉion. En la proksima vilaĝo de *Tao-li-Tsuan* ili mortigis la hispanan misiiston Patron Aurelion Maiquez. Tiu ĉi mortigo terurigis la tutan kristanaron kaj ĉiuj sin preparis al morto, me morinte la buĉadon de la jaro 1900, kiam 20-000 kristanoj mortigitaj estis. Tamen la kapitanoj de l'armeo ekokupanta, aŭdinte pri la mortigo de eŭropeano, timegis kaj promesis protekti la katolikan Mision.

La danĝero ŝajnis pasinta. Sed la timego daŭris kaj fariĝis pli forta, oni aŭdis ĉirkaŭ la teruran dezertigon de la soldatoj, kiuj profanigis preĝejojn, perfortis virginojn; kaj ĉiuj volis okupi la vilaĝon de *Tung-yuan-fang* en la revo tia altrovi sennombran trezoron; ankaŭ ĉiuj deziris elrabi la 300 knabinojn de la Orfejo. Tamen Dio protektis mirinde siajn terurigitajn ŝafinojn, ĉar estas vera miraklo pripensi kiel oni povis malhelpi tioman armeon dum tri monatoj ĉirkaŭsieĝantan tian malgrandan vilaĝeton de kristanoj.

Fine la tago 29a de novembro okazis la vera miraklo. La soldataro jam preparis la ŝtuparojn, volante surprizi nokte la vilaĝon, kiam neatendita vidiĝis sur la murego de la vilaĝo unu ĉiela armeo brilanta, kiu terurigis la soldataron : ĉiuj forkuris, kaj la vilaĝo savita estis. Tio okazis nokte : la kristanoj nenion vidis; sed la idolanoj de la ĉirkaŭaĵo kaj la forkurintaj soldatoj ĉie diskonigis tian vizion. Estas vere, ke neniu kristano vidis la spektaklon, kiel vere estis, ke la malamikoj tute malaperis kaj la vilaĝo savata estis.

La domaĝoj pro tiu ĉi batalo estis tro grandaj : ĉiuj kristanoj perdis siajn objektojn, kaj preskaŭ ĉiuj restis tre mizeraj, sen domo, sen mono, sen vesto : multaj preĝejoj estis profanitaj ; la soldatoj disŝiris la krucifikson kaj la sanktajn bildojn, diablomaniere.

Nun Ĥinujo suferas tre grandan ventegon : la Diablo el Rusujo eliris supren flugante Ĥinujon, dezirante tie ĉi detrui tute la katolikan Eklezion, kaj ĉie la misiistoj estas en danĝero esti mortigataj. Dio ne faras grandan miraklon, eble la tempo de la martireco en Ĥinujo ŝajnas nun komenciĝi ; ĉar tio, kio okazas en la provinco de Siamfu, okazas jam kaj pli terure en la tuta Respubliko.

P. Johano **Ricci**, misiisto O. F. M.
Tung-yuan-fang (Shansi).
13a de Januaro

# NOVA ANTAŬENPAŜO

*La redaktejo kaj administrejo troviĝos de la majo en Köln. Ni tiamaniere faros pluan paŝon en la antaŭenmovado de nia Katolika Mondo, esperante, ke tiu «transloĝiĝo» estos daŭra kaj decidanta la estontecon de la katolika Esperanto-movado. Ni klopodegos pliriĉigi enhavon kaj amplekson de nia K. M. Tial ni bezonos pli ol iam la fidon kaj helpon de niaj amikoj en la katolika mondo. Ĉiu abonanto do devos gajni unu novan amikon minimume.*

*Oni sendu, de la majo, ĉiujn leterojn nur al*

**Katolika Mondo, Köln-Lindenthal (Germ.)**

# Pasko-pensoj

De Msro. MICHAEL WEISKOPF

La paska halelujo sonas tra la landoj. La gigantaj sonorilegoj de katedraloj ĝin vokas per sia tondre-potenca baso elen tra urbo kaj kamparo ; la senoriloj de niaj preĝejoj kaj kapeloj anoncas ĝin per sia klara sono trans montoj kaj valoj. « Kristo estas reviviĝinta ! » Tion kantas la pastro ĉe la altaro, kiam ĉiuj sonoriloj je la reviviĝ-soleno kunsonoras kaj la tuta komunumo kunvenas en la sanktejo, tion eksonas per fortaj akordoj de la ĥorejo, tiel tekstas la kanto, kiu fluas el delikata buŝo infana.

Pasko estas la ĝoja jubileo je la triumfo de l'Mond-savinto super morto kaj tomba nokto. Pasko rakontas al ni pri gloro kaj feliĉego post pacience tolerita sufero, pri la ĉiama ĝojo post subigo de doloro kaj turmento. Pasko montras al ni la Redemptoron, venkinta ĉiujn siajn premantojn, la grandan profeton, kiu fidele plenumas, kion li promesis, la triumfinton super morto kaj infero. Pasko montras al ni la novformiĝon de vivo, kiu estis plenigita de sufero kaj doloro kaj riĉa je manko kaj mizero. La okazaĵo de la pasko-tago ellevas meditan homon de el liaj ĉiutagaj zorgoj, gvidas lin supren al la altaĵoj de Tabor kaj montras al li la brilan figuron de la Reviviĝinto en la tuta belegeco de l'mondo eterna.

Pasko estas por kelkiuj nur fabelo. Ili ne kredas la reviviĝon de Kristo, ili ankaŭ ne kredas sian propran vivo-daŭron post la morto. Sed tiuj ne estas la grandaj spiritoj de la jarcentoj, kiuj neas la fundamentan doktrinon de la katolika eklezio, nome la dogmon pri la reviviĝo de Kristo kaj pri nia propra vivo daŭro. La korifeoj de la scienco kaj arto staras niaflanke. La plej eminentaj kaj grandanimaj spiritoj en ĉiu epoko, ekde Sophokles ĝis Kant, Gœthe, Herder, Richard Wagner, sin klinas antaŭ la Eternulo kaj estis kredintaj al vivodaŭro post la morto.

Pasko estas por multaj bonvena refreŝigtempo, oportuna por sporto kaj ludo, por amuzo kaj ekskurso. Sed Pasko estas io pli alta. Kiu volas vere soleni la feston de la reviviĝo, lasas efiki la paskan evangelion al sia animo, aspiras percepti la sencon de la paska liturgio kaj direktas sian pensadon al problemoj, kiuj koncernas sian propran personecon, animon kaj tutan medion. Pasko signifas por ni pli ol nuran rememorigon al la granda okazaĵo sur Kalvario. Pasko rakontas al ni pri la malvenko de la nekredema juda inteligento, pri la fiasko de nepura politiko, sed ĝi ankaŭ rakontas al ni pri homdestino kaj homa devo, pri triumfo super sufero, kiu estis akceptita laŭ ekzemplo de Kristo.

Pasko estas grava admono al nia popolo kaj niaj gvidantoj, fariĝi-fort-karakteraj homoj, ekenergii por agoj de kristana homamo kaj al konservado de komuneca spirito.

Ni bezonas bon-karakterajn homojn, personojn sen timo kaj malkuraĝo, homojn kun malfermita viziero kaj klaraj celoj, kun neŝanĝaj principoj kaj decida rifuzo de ĉia traktado, kiu difektas kredon kaj moralon. La duoneco en la katolika tendaro gvidis jam multajn en eraron, ĝi al multaj vualis la grandon kaj belon de nia evangelio kaj malutilis al la aŭtoritato de l'eklezio.

Ni bezonas ankoraŭ pli multe de sociala justec-sento kaj ankoraŭ pli multe da komprenemo ekonomie premigitaj ; al ni mankas parte la justa sento por la solidareco de ĉiuj popolklasoj kaj de ĉiuj profesioj, al ni mankas la ĝusta sento por tio, ke popolo nur tiam povos ĝui socialan feliĉon, kiam ĉiuj fortas bone, sed neniam, se unu kasto piedpremas la rajton de aliaj. La kompreno kaj enpensado en la situacion de la alia nepre konvenas al la sociala devo de ĉiu. Ekonomie bonstatuloj devas krom tio ankoraŭ kunlabori ĉe la taskoj de la karito. Nur tie sin montras la vera katolika karaktero. Katolikajn frazojn ĉiu povas babili, sed la katolikan animon, kiu sentas la mizeron de proksimulo, montras nur tiu, kiu serioze vivas laŭ sia konvinko. Se al katolikaj rondoj oni kelkfoje riproĉas, ke ili ne konas la oferemon, tio estas certe grava admono al pli multa montro de vere katolika konduto.

La organizita atako de niaj kontraŭuloj postulas anaron, interligitan per amo kaj sinkompreno kaj de ĉiuj anoj fidelecon al la principo kaj ofereman animon. Supre devas stari gvidantoj kun idealemo kaj sinforgeso, batalantoj laŭ tipo de

# Lando forgesita : Persujo

( Oni vidu la kliŝon sur la 1a paĝo )

En serio da artikoloj dediĉataj al la nuna situacio de Persujo ***Maurice Pernot,*** speciala korespondanto de la Londona ĵurnalo « The Daily Telegraph », observis, ke la influo de la kristanismo en tiu lando neniam estis tiom malforta ol nun, laŭ lia aserto tute ne pro tro akra fanatikeco mahometana, sed simple tial, ke Persujo ne plu interesas la kristanajn misiistojn. Kaj tamen, se oni havas intereson pri la katakomboj de Kartago kaj nova kristanaro leviĝanta sur la ruinoj de la eklezio de Sankta Cipriano kaj Sankta Aŭgustino, kial oni ne interesiĝas pri Persujo, kies martiroj plenigas per siaj neforgeseblaj nomoj la paĝojn de la martirologio kaj kies apostoloj lasis la signojn de sia agado eĉ en Centra Ĥinujo ? Estas vere : En Persujo mankas katakomboj. Sed ĉi tiu manko ekzistas, ĉar la reĝoj de la reĝoj permesis al la kristanismo frue enkondukita en ilian landon, libere evolui, konstrui preĝejojn kaj monaĥejojn, en epoko, kiam la imperiestroj romanaj ankoraŭ senlace persekutis ĝin. Ĝuste la konverto de Konstantino kaj lia pretendo protekti la kristanojn ĝis en la Sasanidan Imperion, ŝanĝis iom post iom la sintenon de la reĝa kortego de. Persujo kaj fine 339 estigis la sangan persekuton de Sapor II-a. Sed malgraŭ manko de katakomboj restas la memoro de pli ol 18000 martiroj.

Ke Persujo malaperis el la atento de la okcidentanoj, estas parte suldate al la politikaj bataloj inter la du romanaj imperioj kaj parte al la bedaŭrindaj doktrinaj disiĝoj, kiuj kaŭzis, ke oni ekzilis el la bizantia teritorio ĉiun anon de la Nestorianismo, ĉiun fidelulon de la obeo el Bagdad. Pos e venis la invadoj, tiu de la araboj poste la ankoraŭ pli detruema de la mongoloj, kiuj lasis en ruinoj civilizon antaŭe florantan. En la Mezepoko kelkaj monaĥoj, dominikanoj aŭ franciskanoj, estis puŝataj per sia apostola fervoro en Persujon, kaj eĉ pli malproksimem, al Karakorum kaj al Pekin. Marko Polo priskribis kristanan preĝejon en Samargand, « kies centra kolono estis tenata miraklamaniere » — eble tio estis miraklo de persa arto. Sed la okupo kaj militemaj kutimoj de la Otomana (turka) Imperio estis kaŭzo, ke oni ne plu permesis al tiajn apostolajn aventurojn en Azio. La trovo de la Ameriko kaj de la marvojo al Hindujo ĉirkaŭ la Kapo de la Bona Espero helpis ankoraŭ pli, por deturni de Persujo la atenton de la eŭropanoj. La maloftaj vojaĝantoj konis malmulte la literaturan kaj spiritan vivon de tiu popolo. Por Eŭropo cetere la mahometanaj nacioj de la Oriento havis nur unu komunan nomon. En la Mezepoko ili estis la «Saracenoj t. e. precize la « Orientanoj ». Nun ankoraŭ kunmetas ĉiujn civilizojn islamajn en la rubriko « araba », ne diferencigante la persan kulturon aŭ la javan kulturon.

Tamen, la eŭropa mondo ŝuldas tiom multe al la delikata kaj preciza genio de la persoj. De la grandaj artoj venis al ni el Grekujo, oni diris, la malgrandaj artoj venis al ni el Persujo.

La kartludoj, la ŝakludoj, la heraldika scienco ( ni ĉiuj prenas nian « rangon » per persa institucio, «rang» signifas «koloron» heraldikan) venas al ni de tie. Ĉu vi do kredas, ke tiuj artistoj saracenaj, kiuj mirigis niajn praulojn en la Mezekopo per siaj laboraĵoj en cizelita metalo, per siaj miniaturoj, siaj tapiŝoj, siaj kalikoj, siaj juveloj siaj kirasoj, siaj kanvasoj, estis de araba deveno ? Tiu ideo estus multe koleriginta la bravajn nomadojn de la duoninsulo vivadantaj sub la tendo kaj malamikaj al ĉiu ideo de «civilizo». Speciala speco de tre delikata laboro en Venezia nomiĝis «Azzimini» laŭ la « Adjamis », kiuj faris ĝin, kaj « Adjami » en araba lingvo signifas «perso». Estas eble, ke en Egipto tradicioj de pentrado kaj arkitekturo daŭre restis depost la dekadenco, sed estas certe, ke en la fatimita epoko oni venigis en Egipton pentristojn el Bassorah. La moskeo de Kerafa estas konstruita de persa arkitekto. En Egipto ankoraŭ nun la koloritaj tegoloj nomiĝas Kachani, laŭ la persa urbo Kachan. (Daŭrigota)

Windthorst, homoj laŭ karaktero de Kanisio kaj Klemens Hofbauer, personoj, al kiuj la popolo respektege rigardas, kaj kiuj ankaŭ ĉe la kontraŭuloj devige atingas estimon. Sed kondiĉo por tio estas la sinlevo por kristana agado, la ekenergio por plenumo de sociala justeco kaj amo kaj la observado de komunec-spirito.

Tiaj admonoj sonas tra la paska halelujo al popolo, kiu ekde jarcentoj estas katolika kaj per ĝia fideleco al kredo akiris reputacion en la historio de l'mondo.

Trad. Marie SCHŒTTL
Reutte (Tirol)

# NIA MOVADO

La nunjara Germana Esperanto-Kongreso okazos Paskon en la mondkonata Köln, la metropolo de la okcidenta Germanujo. Dimanĉon, la 17an de Aprilo, je la 11a horo, estos la oficiala malfermo de la kongreso. La katolikaj esperantistoj, kiuj ĉeestos la kongreson, renkontiĝos en speciala kunsido, kiu okazos *lundon*, je la tria horo posttagmeze. En tiu kunveno parolos fraŭlino Gertrud *Adrian*, kiun multaj gesamideanoj konas de la radio-kurso, pri la signifo de Esperanto por la katolikaj geinstruistoj, kaj s-ro *Thömmes* pri la katolika Esperanto-mondmovado.

Ni do esperas, ke niaj gesamideanoj multnombre venos al la belega kaj interesega rejnmetropolo.

Misiisto de la *Sunda-Insuloj* ( nederlanda Hindujo ) skrisbis al Katolika Mondo ( la letero datigas de la 21a de Febr. ) :

« Finfine adreso venis en miajn manojn, por tiamaniere eble sciigi detalojn pri Esperanto. — Mi kredas, ke la katolikaj misiaj instruistoj, nombro da 298, ĝoje ekprenos la penson, lerni Esperanton. Pro tio oni devus cii, ĉu Esperanto vere estus util al ilis. » «La misiisto poste adresas al ni diversajn demandojn pri Esperanto kaj la esperantista literaturo, kiujn ni dume letere respondis. La skribaĵo de la " insulano „ fermiĝas jene : " Se montriĝus : ke Esperanto estos utila por niaj instruistoj, ni ĉi tie havus post unu jaro centojn kajn centojn da esperantistoj, ĉar multaj aliaj personoj, precipe la enlandaj oficistoj, baldaŭ seksu la ekzemplon de la instruistoj, kaj ankaŭ ĉiuj misiistoj interesiĝus pri la Esperanto-movado katolika. „

El *Nova Gvineo* ni antaŭ mallonge ricevis leteron de germana misiisto, kiu multe plendas pri la tiea lingva Babilono. Jen la vortoj de la katolika misiisto :

" Ĉi tie, en Nova Gvineo, eble la plej granda malhelpo de la kredo-disvastigo estas la lingva ĥaoso, ne, kvazaŭ iam la misiisto povus liberiĝi de la lernado de la tribolingvo. Sed, kio mankas al ni, tio estas unuforma lingvo, lerneja lingvo. La angla lingvo ne taŭgas troege por tio, ĉar ĝi estas malfacile parolebla, legebla kaj skribebla korekte. Ni ja havas la Pidĝin-anglan, lingvaĉo de anglaj, germanaj kaj vortoj de la indiĝena lingvo, sed ĝi estas malfacile skribebla kaj restos helplingvo de dubinda boneco. Tial la penso pri Esperanto aperis, kiel unuferma lernejo-kaj poste trafiko-lingvo. „

La misiisto plue demandas, ĉu estos eble, verki abocolibrojn en la indiĝena lingvo, ilustritajn de tropaj bildoj ktp. Komprenas per si mem, ke ankaŭ la katolika Esperanto-literaturo tre interesos la sudmarajn insulanojn. Estos de tasko de la katolikaj esperantistoj, verki kaj publikigi pli ol nun bonajn kaj interesajn librojn kaj broŝuretojn. Jam niaj samideanoj katolikaj forte plendas-pri literaturaĉo de Esperanto-eldonejo, kiu ne hontas prezenti kaj oferti al niaj gesamideanoj siajn " novaĵojn ", ofte kaj ege kontraŭantajn la kristanon dogmon kaj moralon.

La eldonejo de *KATOLIKA MONDO* verŝajne je Pentekosto aperigos la eminentan verkon " Naturscienco, Mondkoncepto, Religio „ de D. Dr-med., Dr. phil. Johannes Reinke, profesoro de la botaniko je la universitato Kiel ( Germanujo ). Nia amiko, profesoro Ew. Brenken el Bochum tradukis tiun aktualan libron, kiu aperis ĉe la mondkonata eldonejo Herder & Co. en Freiburg.

En la venonta numero de K M. ni sciigos detalojn pri tiu libro kaj ĝia prezo.

*
* *

Ni ricevis el *Natal* ( Sudafriko ) poŝtkarton de la 14a de marto : Mi petas afable sendi specimenan numeron de Katolika Mondo, pri kiu ĉi tie estas grandega intereso, pro specialaj kaŭzoj, pri kio poste plion.

Ŝajnas do, ke niaj katolikaj misioj komencas interesiĝi pri nia katolika Esperanto-movado pli ol ĝis nun.

# Kristo, Princo de l'Paco

**Nova Festo**

La festo Kristo Reĝo, kiun ni en la lasta jaro je la lasta oktobra dimanĉo unuafoje solenis, estis iniciatita de la katolikaj pacifistoj. Vere tiu festa mistero povas multe diri kaj doni al ni. Se ĉiuj homoj kaj nacioj rigardas Kriston kiel sian reĝon, aŭskultas liajn instruojn kaj admonojn, formas sian agadon kaj vivadon laŭ liaj principoj, tiam militoj estas tute neeblaj. Ili ja neniel estas adapteblaj al la diaj postuloj de la amo al proksimuloj kaj malamikoj, de la mildeco kaj pacemo, de la nevenĝado kaj pardonado.

Tial certe estus treege grave, ke la homoj ĉiujare denove per tiu festo estas memorigataj, ke la Savinto estas nia plej alta ordonanto kaj leĝdonanto, ke liaj ordonoj devas gvidi nin, ne nur en la anima, privata kaj familia vivo, sed ankaŭ en la komunuma, ŝtata kaj internacia vivo.

Okaze de la enkonduko de tiu festo Pio XI-a skribis : Pli ol la plej gravaj dekretoj de la eklezia instrua aŭtoritato, la festoj ĉiujare ripetiĝantaj helpas intime konatigi al la popolo la verojn de la Kredo kaj tiel konduki ĝin al la ĝojoj de la interna vivo. La ekleziajn dekretojn ĝenerale nur legas malmultaj kleraj kredantoj, kontraŭe festo anoncas sian instruon al la tuta kristana popolo. Dekreto parolas nur unufoje, festo parolas ĉiujare denove kaj kvazaŭ por eternaj tempoj. La ekleziaj dekretoj klerigas la intelekton, la festoj parolas al la intelekto kaj koro de la homoj kaj tiel instigas la tutan homon al bonaj decidoj. Plue : la homo konsistas el korpo kaj animo kaj tial bezonas, ke eksteraj festsolenoj tiel movu kaj incitu lin, ke li ĝuste per la varieco kaj beleco de la ekleziaj festoj ĉiam pli profunde komprenu la sanktajn misterojn de la Kredo, ĝis kiam li fine tute posedas ilin kaj per ili spirite progresas. El la eklezia historio ni ankaŭ scias, ke tiaj festoj en la jarcentoj estas enkondukitaj ĉiam, kiam necesego kaj utilo de la kristana popolo postulis ĝin. »

El tiuj vortoj sendube evidentiĝas la utilo de la festo Kristo Reĝo ; sed ankoraŭ pli : ni ankaŭ povas vidi el ili kiom signifa kaj aktuala estas ankoraŭ alia festo, nome **Kristo, Princo de l'Paco !** Ĝia ideo ja embrie troviĝas en la unua. Sed ĉu la homoj sufiĉe konscias tion ? Ĉu ne estas eble, ke pastro dum multaj jaroj predikas pri la reĝeco de Kristo, ne parolante pri la pacordonoj de la Disavinto, ne admonante la kredantojn, ke ili devas vivi en paco unu kun la alia kaj kun la najbaraj ŝtatoj, ĉar malpaco kaj milito kontraŭas la leĝojn de la grandan Reĝo ?

Sed kiajn sekvojn por la paco tutmonda havus festo de Kristo, Princo de l'Paco ! Kiom klare ekbrilus tiam al ĉiuj katolikoj de la tuta mondo, ke estas postulo de la kristana religio havi pacon kun aliaj homoj kaj ankaŭ kun aliaj nacioj ! Ĉu ili ne sentus sin potence pelitaj al tio pro amo al sia Paca Reĝo ? Tiun benoriĉan efikon havus la festo jam per si mem. Sed ankaŭ la pastroj predikus je tiu tago pri la paco. Kaj la enkonduko de tia festo kredeble donus al ni novan belegan pacan enciklikon.

El tiuj aludoj jam povas klariĝi, ke la katolika paca movado per nenio povas esti tiel akcelata kiel per festo de Kristo, Princo de l'Paco.

❧

Starigi novajn festojn kaj juĝi pri ilia utileco, estas afero de la papo. Ĉu do ne estas aroganteco iel okupi sin pri tio ?

La pacemuloj antaŭ kelkaj jaroj petis la papon pri la festo Kristo Reĝo. Kaj la Sankta Patro neniel estis malkontenta pri tio. Tial li certe ankaŭ ne malfavore rigardos ĉi tiujn miajn vortojn. Ja mi eĉ kredas, ke li ĝojos, kiam la pacifistoj petos lin pri nova festo : Kristo, Princo de l'Paco. Tiam li vidos, kiom ni interesas nin pri lia regadprogramo : «La Paco de Kristo en la Regno de Kristo » ! kaj klopodas realigi ĝin. Kaj ĉu li ne eksentos, ke tiu festo plej bone aliĝas al lia devizo ?

Ke katolikoj kun tia peto venas al la papo, cetere ne estas io eksterordinara. Jam multaj festoj estiĝis tiel. Ĉu ne ankaŭ la iniciato pri beatigoj kaj sanktigoj venas de la kredantoj ? Ĉu ne la sama afero valoras pri la starigo de kelkaj dogmoj ?

Kiel la reĝeco de Kristo esprimiĝis en la Sankta Skribo, tiel ankaŭ la pacemo kaj la paca regado de la Savinto. La profeto Isaias nomas la Savinton « Princo de la Paco » (9,6) kaj plu li diras : « Sian reĝecon li pliigos, kaj paco estos senfine » (9,7). Kiom belegan bildon li plu pentras pri lia paca regado : « Li juĝos la gentojn kaj arbitracios inter multaj nacioj, kaj ili transforĝos siajn glavojn en falĉilojn ; ne plu unu nacio kontraŭ alia prenos la glavon, kaj oni ne plu lernos la militon ! » (2,4) La saman diron ni trovas en la profeto Michaeas (4,3). Kaj en mesiana psalmo (71,7) troviĝas la vortoj : «En liaj ( de Kristo ) tagoj ekĝermos la justeco kaj la pleneco de la paco ».

Kun ĉi tio certe harmonias plej bone, ke la anĝeloj kantis ĉe la naskiĝo de tiu Paca Princo : « Paco sur la tero al la homoj bonvolaj » (2,14) kaj ke la Sinjoro mem tiom ofte elparolis la vorton «paco». Ni do pensu pri liaj eldiroj : « La paco estu kun vi ! » ( Joh. 20, 19 ). La pacon mi lasas al vi » (Joh. 14,27), « Kiam vi eniras domon, diru : Pacon al ĉi tiu domo!» ( Luk. 10,5 ). El tiuj vortoj klariĝas, ke la Savinto estas Paca Princo kiel neniu alia, en la plej vasta senco de l'vorto. Li amas kaj peras la internan pacon kun Dio kaj kun ni mem kaj la eksteran pacon kun la aliaj homoj kaj la aliaj ŝtatoj. Pri ĉio ĉi ĉiam denove pensigus nin la festo Kristo Princo de l'Paco, kaj tiel ĝi estus impona instruo kaj admono por ni.

❧

Kiel ni povas ricevi tian feston ? IKA ĉiujare en siaj kongresoj devus peti la papon pri tio ; same la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj ; kaj kiam ankaŭ en aliaj landoj ekzistas kaj formiĝas katolikaj pacaj unuiĝoj, ili faru la saman !

Ankaŭ ni turnu nin al la naciaj episkopoj, petante ke ili prezentu nian deziron al la Sankta Patro.

La pacemuloj, kiuj posedas rilatojn al altaj ekleziaj aŭtoritatuloj, ankaŭ instigu tiujn, ke ili ĉe la papo subtenu la proponon.

Tamen tio ne povas sufiĉi : Ĉiu el ni diligente preĝu por ĝi ! Kiam la katolikaj pacifistoj petis la papon pri la festo de Kristo Reĝo, li respondis, ke ili fervore preĝu por tio. Kaj tute la saman admonon la papoj kutime direktas al la piuloj, se oni volas instigi ilin al beatigo aŭ sanktigo de iu persono aŭ pri starigo de dogmo.

La Vikarioj de Jesuo Kristo je tiaj okazoj admonas al preĝado, por ke Dio ilin lumigu kaj gvidu ĉiujn iliajn paŝojn kaj agojn, por ke ekkresku el ili riĉa beno por la homaro. La preĝo en la Ordo de l'Savo ludas gravan rolon. Dio volas esti petegata pri siaj gracoj. Kaj festo de Kristo, Princo de l'Paco, certe havos altan signifon por la mondpaco, do estas granda graco. Kiom ajn multe ni klopodas en la pacifismo kaj ankaŭ sukcesas en nia agado, ĉio malgrandiĝas kompare al la giganta progreso, kiun gajnus la paca movado per tiu festo. Ĉu ni do povas fari ion pli bonan ol fervore kaj pie preĝi pri tio ?

❧

Nia amiko P. Theophilus, sendube jam konata al multaj legantoj de K. M. per lia bonega libro germanlingva « Nie und nimmer wieder Krieg » ( Ne kaj neniam plu milito ! ) faris tre atentindan proponon. Ni ĝojus aŭdi la opinion de aliaj amikoj pri ĝi kaj do invitas al diskutado. Ni uzas la okazon sciigi, ke ĵus aperis en la eldonejo «Katolika Mondo» germanlingva propaganda broŝuro de P. Theophilus pri paca movado, Katolika Paca Ligo, IKA, Esperanto ktp.

Red.

# Internacia Mondliteraturo

Vol. 1. **Goethe, I. W. von, Hermano kaj Doroteo.** Eposo idilia. El la germana originalo tradukis BENNO KUSTER. Dua eldono kun antaŭparolo de Prof. D-ro DIETTERLE. 1922. 77 paĝoj.

Vol. 2. **Niemojewski, A., Legendoj.** El la pola originalo tradukis BRONISLAW KUHL. Kun antaŭparolo de ANTONI GRABOWSKI. Dua eldono. 1923. 74 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Tentistoj. Majlaĥ. Admono. Du disciploj:

Vol. 3. **Turgenev, I. S., Elektitaj Noveloj.** El la rusa originalo tradukis A. MEXIN. 1923. 81 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Mumu. Bejin-Herbejo. Poemetoj en prozo.

Vol. 4. **Raabe, Wilhelm, La Nigra Galero.** El la germana originalo tradukis Prof. D-ro FRITZ WICKE. Dua eldono. 1922. 64 paĝoj.

Vol. 5. **Hildebrand, El la « Camera Obscura ».** El la holanda originalo tradukis H. C. MEES. 1923. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Anĉjo la ĉasisto. La maljunulejano rakontas sian historion. Malnova konato.

Vol. 6. **Irving, Washington, El la skizlibro**. El la angla originalo tradukis H. L. ELVIN. 1924. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Rip van Winkle. La fierajo de la vilaĝo. La fantoma fianĉo. La kampara preĝejo.

Vol. 7. **Chamisso Adelberto de, La mirinda historio de Petro Schlemihl.** El la germana originalo tradukis EUGEN WUSTER. 1922. 84 paĝoj.

Vol. 8. **Stamatov, G. P., Nuntempaj Rakontoj**. El la bulgara originalo tradukis IVAN H. KRESTANOFF. 1922. 80 paĝoj.
Enhavo : Vilao apud la maro. En la tombejo. La estinteco. Pri unu anguleto de l' animo. Du talentoj.

Vol. 9. **Ŝalom-Aleĥem, Perec, Hebreaj Rakontoj.** El la hebreaj originaloj tradukis IS. MUĈNIK. 1923. 78 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. **Ŝalom-Aleĥem :** La miraklo de « Hoŝano rabo ». Ne estas feliĉo. Rabĉik. La trezoro. Legendo pri la kreado de l' virino, Aforismoj. **Perec :** Kio estas animo (Historio de mia juneco). Fratinoj. Pidjon ŝebuim (el la hebrea vivo en Polujo). Oni ree ekuzis la pendigilon. Hormuz kaj Aĥrimon.

Vol. 10. **Puŝkin, A. S., Tri Noveloj.** El la rusa originalo tradukis D-ro ANDREO FIŜER. 1923. 67 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Pikreĝino. Neĝblovado. La pafo.

Vol. 11-12. **Ariŝima, T., Deklaracio**. Romano. El la japana originalo tradukis T. TOOGUU. 1924. 125 paĝoj.

Vol. 13. **Poe, Edgar Allen, Ses Noveloj** el « Rakontoj de Mistero kaj Imago ». El la angla originalo tradukis. A. FRANK MILWARD. 1924. 80 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Liĝeja. La ovala portreto. La barelo da Amontilado. Kelkaj vortoj kun mumio. La homo, kiu troviĝis eluzita. La silento --- Fabelo.

Vol. 14. **Balzac, Honoré de, La firmao de la kato, kiu pilkludas**. El la franca originalo tradukis PAUL BENOIT. 1924. 64 paĝoj.

Vol. 15. **Doroŝeviĉ, Vlas, Orientaj Fabeloj.** El la rusa originalo tradukis NIKOLAO HOHLOV. 1924. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. La fabelo pri fabelo. La kalifo kaj la krimulino. Kiel de Hasan falis la pantolono. La malĝuste trafitaj kalkanoj. Historio de porko.

Vol. 16. **Sienkiewicz, Henryk, Noveloj**. El la pola originalo tradukis LIDJA ZAMENHOF. 1925. 64 paĝoj.
Enhavo : Henryk Sienkiewicz. Lux in tenebris lucet. La maljuna servisto. Dioklo. Estu benita (Hinda legendo). La anĝelo.

Vol. 17. **Strindberg, August, Insulo de feliĉuloj**. El la sveda originalo tradukis OSKAR FRODE. 1926. 69 paĝoj.

Vol. 18. **Bertrana, Prudenci, Barbaraj prozajoj.** El la kataluna originalo tradukis JAUME GRAU CASAS. 1926. 59 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. La forlasita vojo. La kabanoj de la karbfaristoj. La komenoj de la gastejoj. Josafat.

Vol. 19. **Ŝimunoviĉ, Dinko, Ano de l' ringludo.** El la kroata originalo tradukis FRAN JANIJIC. 1926. 86 paĝoj.

Vol. 20. **Eekhoud, Georges, Servokapabla ! Marcus Tybout**. El la flandra (franclingva) originalo tradukis LEON BERGIERS. 1927. 71 paĝoj.

Ĉiu volumo estas kartonita en arta kovrilo
Formato 15 x 19 cm. La kolekto estas daŭrigata.

**Ĉiu Volumo R M. 1.60 — 5 Volumoj laŭ elekto RM. 6. — Duobla Volumo RM. 2.50**

**( Vol. 1-5, 6-10, 11-16, 16-20 tole bindítaj po RM. 6 . )**

*Baldaŭ aperos :* **Delsudo Laiho, Aŭstralio-Lando kaj Popolo,** 96 paĝoj, 31 ilustraĵoj kaj landkarto Rm. 6.
**Privat, Historio de la lingvo Esperanto** II a parto : La movado, 96 paĝoj Rm. 3. — Postulu senpagan transsendon de niaj katalogoj.

# Esperanto - Romanoj - Originaloj kaj tradukoj

## JEAN FORGE
### ABISMOJ

**Originale verkita. 1923, 150 paĝo**
**Broŝ. Rm. 3. — Bindita Rm. 4.50**

»... Post finlego de la romano la leganto ne povas tuj liberiĝi kaj enprofundiĝas en siajn pensojn. Li olektas plu la restintajn fadenojn de la romano kaj laŭ persona gusto finfinas ĝin.

Por rekomendi la verkon sufiĉas, ke mi citas laŭvorte la entuziasman kritikon de samideano. kiu ne povis formeti la la libron, ĝis kiam li ne finlegis ĝin : Fine verko, kvazaŭ en patra lingvo, en kiu mi ne devis lukti kun lingvaj malfacilaĵoj kaj kies enhavo ĉenis min al la libro. Se mi estus riĉa, mi enmanigus la libron al ĉiu Esperantisto por konvinki lin, ke modernan verkon doni ne konsistas en tio, ke ni kripligu la lingvon per neologismoj ĝis nerekonebleco, sed en tio, ke la genio de la verkisto evidentiĝu en artista klareco.»

Literatura mondo (1923, N° 7).

## JEAN FORGE
### Saltego trans Jarmilojl

**Originale verkita. 1924. 192 paĝoj**
**Bindita RM. 5.00**

»... Plastika kaj vigla stilo, facila komprenebleco, luda legebleco, jen la plej fortaj flankoj de la verko. La aŭtoro akiris por si lingvaĵon, kiu vaksmole konformiĝas al liaj pensoj, kiu estas frapante viva kaj sugestie impresa-ĝuste per sia simpleco kaj facileco. «

Literatura Mondo (1924, N° 12)




## A. H. LUYKEN
### STRANGA HEREDAĴO

**Originale verkita 1922, 320 paĝoj.**
**Broŝ. RM. 5.50. Bindita RM. 7.—**

»... Sed neeble resumi tiun lerte arangitan historion. Komencinte legi ĝin, oni iras ĝis la fino, scivola pri la strangaj aventuroj, aŭ pri la sorto de l'personoj, aŭ pri la ama intrigo, kaj ne forlasas la libron antaŭ la lasta paĝo. Tio jam estas kvalito ĉe romano. Plie ĉi tiu estas verkita per flua, korekta stilo.

Ĉiu samideano ne ankoraŭ leginta la novan originalan romanon de s-ro Luyken do povas havigi al si kelkajn horojn da honesta distraĵo kaj ĝudona legado. «

Esperanto (1922, N° 12)

»... Mi legis preskaŭ tutajn noktojn kaj ne povis ĉesi antaŭ la fino.

La Espero (1922, N° 10.

## A. H. LUYKEN
### PRO IŜTAR

**Romano el la antikva Babela historio**
**1924. 304 paĝoj. Bindita RM. 7.—**

» ... Kore ni gratulas la verkiston, kies plej nova romano estas ne nur brila pruvo pri lia talento, sed samtempe la plej valora gemo en lia verkarjuvelo. La eleganta kaj facila stilo estas ĉefa allogilo de la libro, per kiu la verko donas tian valoraĵon al la leganto, kian li ne ricevas kutime en multaj verkoj, eĉ tro laŭditaj, de nia literaturo. «

Literatura Mondo (1924, N° 12)

## Mabel Wagnalls, Palaco de Danĝero (Rakonto pri Madame de Pompadour

**tradukis el la angla originalo EDWARD S. PAYSON 1926, 206 paĝoj. Luksa tolbindaĵo. RM. 6.—**

La libro estas valora kaj bela, la desegnaĵo de l'kovrilo tre arta kaj certe ĉi tiu romano ku ŝos sur la naskiĝtaga aŭ kristnaska tablo de multaj gesamideanoj

**Niaj eldonaĵoj estas haveblaj ĉe ĉiu libristo aŭ senpere de ni**

**Ferdinand Hirt & Sohn - Esperanto - Fako - Leipzig, Salomonstr. 15** Poŝtĉeka konto. Leipzig 5237